# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**

**PLENUMITA 12/09/2019 Kvarcentkvardektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**




## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.
## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 829,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **303,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **285,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **241,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.85




Kvankam la Adverbo estas nun konsiderata kiel aparta frazparto en la ja kvarparta Propozicio (Subjekto, Predikato, Objekto, Adjektoj), ĝi estas tiom proksima al la verbo, ke ĝi estas preskaŭsuplemento de Predikata Verbo. Tial ni en la sekvontaj rubrikeroj klarigos la Adverbon en P.A.G.".

En la historio de la eŭropaj lingvoj la plejparto de la adverboj originis en Prepozitivoj, kaj la latinidaj lingvoj ankoraŭ klare tion montras: (franca)"rapidement" el "en rapida maniero". Tial eĉ en Esperanto (kaj en la eŭropaj lingvoj hindeŭropaj) oni nun havas du specojn de adverbo, unue la ne tre multaj originaj adverboj, kiuj ne havas la adverban finaĵon "e", kiaj "tuj, tre, jam, ĉi, apenaŭ, kaj morgaŭ" (P.A.G. nomas ilin "primitivaj adverboj: $ 88-91), kaj due la adverboj prenitaj el la adjektivoj, kiaj "rapide, kaj trankvile"; tiuj originaj adjektivoj povas siaflanke elveni el aliaj vortspecoj: "patro>patra>PATRE"; "naĝi>naĝa>NAĜE"; "hodiaŭ>hodiaŭa>HODIAŬE", "post>posta>POSTE". La duan grupon, tiun el adjektivoj, P.A.G. nomas la "derivitaj adverboj" ($ 92).

Proksimfoje pri la Originaj (Primitivaj) adverboj unue.

*Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# El Adelajdo



La septembran kunvenon en Adelajdo ĉeestis 14 homoj. Brendan kaj Carol Linnane kiuj antaŭ nur unu semajno revenis el Eŭropo. Ni vidis fotojn kaj aŭdis komentojn pri ilia vojaĝo al la Faroaj insuloj kaj al Islando. *Katja Steele*










# Impostaĉoj



Min, kiu loĝas en Aŭstralio, surprizis antaŭ nelonge, letero de la loka registaro, ke mi devas repagi impostaĉon por mia hundeto. En lando, en kiu ni ĉiuj egalas, la gelaboristaro, la gemalsanuloj, la gemaljunuloj ktp., ĉiuj devas pagi tromultan el siaj nesufiĉaj enspezoj por ke la regantoj povu



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

ĉirkaŭvojaĝi la tutan mondon kaj sidi kaj trinki alkoholaĵaĉon kun similaj regantoj en aliaj landoj parolante kaj ridante pri tiuj, kiujn ili regas!



Sed ne nur tio. En la, de la loka registaro, letero estis skribite, ke se oni havas ankaŭ katon, oni devas pagi impostaĉon ankaŭ por la kato, ĉar tion fari la kompatinda kato ja mem ne povas. Mi bone scias, ke hundoj ofte demetas malmanĝaĵon sur la vojojn, sed tion ni homoj ja estas devigataj forpreni kaj meti en plastajn ujojn, se ni ne faros tion, ni riskos multajn jarojn en malliberejo! Sed kial katoj? Ili ja bone kondutas kaj enterigas siajn malmanĝaĵojn! Mi pensis, same kiel ĉiuj aliaj bonaj aŭstralianoj, ke nun la registaro planas ion alian, ĉu povus esti nova mondmilito? Plej verŝajne jes, ĉu ne? Nur registaroj ŝatas militojn, ili havas eĉ militministron, honton al ili ĉiuj, ĉu ne?

Mi iom longe sidis filozofiante. Kiom longe antaŭ ol la registoj postulas impostaĉojn ankaŭ se oni havas aliajn dorlotbestojn? Baldaŭ ili sendos inspektistojn al ĉiu modesta hejmo en Aŭstralio por eltrovi kiom da aliaj bestoj troviĝas en la diversaj hejmoj. Sendube ili esperas trovi ke oni kaŝas du geĝirafojn, unu virĝirafon kaj unu ĝirafinon, sub la lito en la dormoĉambro, ĉu ne? Tio povus ja eĉ pliriĉigi la registaron, precipe la ĉefministron! Tiam ili ĉiuj povus ne nur ĉirkaŭvojaĝi la mondon, sed eĉ la lunon!



Mi iomete timas mian estontecon. Mi havas ja kelkajn belegajn birdojn en mia ĝardeno. Kiom mi devos pagi pro ili? Mi havas multajn lumbrikojn sub la tero, sed kelkfoje ili venas sur la teron por vidi min. Kaj kiom da formikoj mi havas? Fraterkulojn mi ne havas, sed ĉu la ĉefministro kredos min? Lin interesas ja nur la mono! Kaj kiom mi devos pagi se ili trovos forfikulojn en mia ĝardeno? Aŭ en miaj oreloj? Estas ja troveblaj multaj bestoj en ĉiu ĝardeno. Monenspezo estas por la registaro la plej grava! Eble mi devus elmigri al pli civilizita lando?

*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Radio-libertaire

en radio libertaire

Dum mia restado en Parizo mi vizitis miajn kolegojn , kiuj elsendas ciujn vendredojn dum horo kaj duono en Esperanto kun tuja traduko al la franca.

La temo de la 6a de septembro estis la SATkongreso, kiu okazis de la 4a ĝis la 11a de aŭgusto en Barcelono ( Hispanujo)

La elsendoj aŭdeblas en la retejo www. [radio-libertaire.org](http://radio-libertaire.org)

Guy Cavalier kaj Hubert Peyrouti elsendas programon





*Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Respondo al Marcel:



Marcel kara,

p762 PIV: old/a (poezia termino) Maljuna. p121 Wells: old/a (literatura termino) Old.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Do, kara oldulo, nenia problemo, laŭ ĉi tiu oldulino 🤗 *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

# Nuksoj malfacile krevigeblaj en mia gardeno.

## LA MILITOJ .



Mi demandas: kiel la armilfabrikoj povas pluvivi, se niaj registaroj ne faras aŭ helpas militojn? Se niaj karbominejoj ne helpas fabriki armilojn? Estas ja pli facila, vendi armilojn grandskale ol ŝanĝi la maŝinojn por produkti nemilitajn ilojn kaj aĵojn. Precipe ĉar ĉi lastajn oni devas vendi enlande, malmultekoste, dum la armilojn oni povas vendi al aliaj landoj, kies ŝtatanoj pagos por tio. Kvankam la ekonomiaj specialistoj dungitaj de la armilfabrikoj multkoste zorgadas ke militoj regu, en multaj kazoj la militantoj jam mem komencis siajn militojn, parte por mem profiti en siaj militoj. Tio ŝparas monon al la fabrikoj, kaj mono estas ilia precipa motivo por funkcii.

Unu kaŭzo ŝajnas esti, ke ĉiu deziras havi pli da mono ol la pli malriĉaj membroj de la societo. Dum la postmilita periodo da komunistaj satelitlandoj en Eŭropo, la kuracistoj ricevis la saman salajron, aŭ preskaŭ, kiel la purigistoj. Unu rezulto de tio estis, ke la kuracistoj ĝenerale estis pli bonkvalitaj, ĉar anstataŭ homoj interesitaj pri mono, oni havis homojn interesitajn pri sia laboro kiel kuracistoj. Kuracisto ja ĉiu homo kun normala inteligento povas fariĝi, sed por krei tre bonajn kuracistojn oni bezonas homojn kiuj amas la profesion, la laboron kaj la taskojn. Preskaŭ ĉiuj studistoj studantaj medicinon elektis la studon precipe pro la altaj salajroj de kuracistoj. Ili diris tion mem al mi. Cetere la salajroj de ordinaraj kuracistoj estas relative malaltaj. Sed nun ke la orienteŭropaj satelitlandoj liberiĝis el la stalinisma bolŝevismo, la kuracistoj ĝojas salajrati iomete pli alte ol ordinaraj homoj.

Kaj kio pri la evidente necesaj militoj? Malgrandaj sed longaj militoj pluos okazi, precipe en Afriko kaj Mezoriento. Ĉu grandaj militoj okazos, ni ne scias, sed estas certa ke Ĉinujo uzos militon, iam, se la aliaj landoj, kiaj Usono kaj ĝia satelito Aŭstralio, rezistos la potenciĝon de Ĉinujo, kiu certe bezonos regi multloke en la mondo. Mi timas pri miaj gepranepoj.

*Marcel Leereveld.*

## KIALO KAJ TIALO .

Mi trovas tre helpema ke Donald Rogers uzis sian tempon klarigi sian opinion per tre funda serĉado ĉe pluraj fontoj. Kvankam la "kialo aŭ tialo"-problemo ne estas unu el la tre gravaj problemoj laŭ mi solvendaj en la gramatiko de Esperanto, ĝi estas interesa ĉar ĝi estas la sola pri kiu mi estis la nura en la mondo kiu vidis ke ekzistis problemo, kaj kiu solvis tiun problemon, aŭ almenaŭ pensis ke mi solvis ĝin, antaŭ dudek jaroj. La aliaj problemoj solvendaj, pri la participoj kaj pri la manko de verba pasiva voĉo, kaj pri la -i-sufikso por landoj, havis dum la historio de Esperanto multajn Esperantologojn kiuj samopiniis kun miaj solvendoj. Sed mia solvo de la "kialo"-problemo estis unika.

Mi bedaŭras respondi (ne tre) malfrue: pro tempomanko mi legis A.E. 441 nur post legi n.ron 442. Kaj mi esperas ke Donald reagos al mia ĉi suba klarigo de miaj opinioj. La tialo-problemeto estas interesa, sed praktike malgrava, ĉar sen ĝi la plua uzado de "kialo" por

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

"tialo" ne kaŭzus iun ajn problemon en la nuna Esperanto, kaj eĉ ne danĝeras, kiel la tri aliaj problemoj, ĉar la kontraŭuloj de Esperanto ne estus trovintaj ĝin, pro granda sed ne sufiĉe granda klereco.

Unu el la tendencoj en la klarigado de Donald estas doni gravecon al kiom da homoj samopinias kun mi. Tio ne estas valora, ĉar ĉiu nova ideo komenciĝas ĉe unu persono: neniu krom unu persono iam sciis ke la tero ne estas plata, sed ronda. Kaj neniu Esperantisto, inkluzive de Donald kaj liaj fontoj, kapablus imagi ke ne multe konata Esperantisto en fora Aŭstralio povus sole solvi gramatikan problemon. Oni ne scias ke antaŭ multaj jaroj, en Nederlando, mi solvis problemeton en la angla lingvo, kiun neniu el la nederlandaj instruistoj de la angla lingvo povis (mi certas ke pluraj en aliaj landoj estus povintaj). Kaj ili ne konscias ke dum multaj jaroj mi estis la oficiala ĉefekzamenisto pri Esperanto en Aŭstralio. En tiu funkcio mi devis zorgi, kaj mi tion faris, ke mi estu la plej klera pri Esperanto kaj ĝia gramatiko. Mi ja devis ekzameni iun ajn. Konsiderante tiojn, ne estas stranga, ke mi solvis problemeton ne trovitan nek solvitan de iu ajn Esperantisto.

La solvmetodo, sekvata de Donald, estas tute kontraŭa al tiu uzata de mi: Dum li unue serĉas solvojn donitajn de aliaj fontoj, kaj el tio mem trovas sian solvon, mi komencas mem, en mia propra kapo, trovi la solvojn de problemo, kaj nur post tio mi serĉas la solvojn de aliaj fontoj. Post tio mi komparas miajn neinfluitajn solvojn kun tiuj de la aliaj, kaj trovas ĉu mi pravas aŭ ne. Mi rajtas iomete fanfaroneti pri mia metodo, dum aliaj rajtas esti fieraj pri sia funda serĉado ĉe aliaj fontoj unue.

La solvo de la problemeto kiojn signifas la vortoj "kialo" kaj "tialo", estas ĉe Donald preskaŭ la sama kiel ĉe liaj fontoj, kvankam li evitis kelkajn stultetaĵojn de ili, kiel la Vikipeda "tiala erodo", kvazaŭ la erodo estas de homoj intencata, kaj la ekvacio "tialo = kialo".

La unua malfacilaĵo, la grava eraro, estas, ke neniu faras diferencon inter kaŭzo kaj motivo. Tio kreas multajn difinproblemojn. Kaŭzo havas neniun rilaton kun motivo: la unua estas naturkreita kaj la dua estas rezonado de la homa cerbo. La nocio "kaŭzo" troviĝas en neniu el la korelativoj, kaj tial devas ne troviĝi en la diskuto. La prepozicio "pro" kaj la prepoziciaĵo "kiel rezulto de" verŝajne plej bone reprezentas la nocion de "kaŭzo". "Ial" signifas "laŭ iu motivo", kaj "tial" signifas "laŭ tiu motivo" (angle *"therefore, for that reason").* P.I.V. malĝustas pri tio, kaj ĝiaj zamenhofaj ekzemploj ĉiuj montras ke li celis "laŭ tiu motivo", kio enhavas la rezonadon de homo, kaj ne "pro tio", kio enhavas la ideojn de natura kaŭzo, ne rezono. Miksi la du nociojn de kaŭzo kaj motivo faras la tutan klarigadon preskaŭ senvalora. Ĉiuj fontoj faras tiun eraron. La nederlanda havas la du vortojn tre apartaj "*waardoor*" = kiel rezulto de kaj "*waarom*" = "laŭ kiu rezonado, motivo. Arbo ne falas pro motivo, kaj homo faras ion pro iu motivo. "ial" k.t.p. indikas nur la homan decidon, la rezonadon, la motivon. Eĉ se la angloparolantoj miksas la du signifojn, Esperanto ne rajtas fari tion.

La dua grava eraro estas ke ĉiuj fontoj forgesas, ke "kialo" estas demando (-k-) kaj ke "tialo" estas respondo ("t"). Forgesante tion, ili donas, tute malĝuste, al la vorto "kialo" la signifon "reason", motivo, kaj al la vorto "tialo" la signifon "rezulto". La preciza signifo de "kialo" estas "demando pri kio estas la motivo", kaj la preciza signifo de "tialo" estas "respondo donanta la motivon". Alivorte "Kialo" estas "primotiva demando", motivdemando, kiu do ankoraŭ ne enhavas la motivon, kaj "tialo": estas "primitiva respondo", "respondo donanta la motivon",

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

do "respondita motivo", kiu enhavas la veran motivon. Konsekvence nur la vorto "tialo" povas signifi "motivo, rezono", kaj ne "kialo", ĉar la motivo estas en la respondo.

Mi opinias ke la kaŭzo de la miskompreno en Esperanto kuŝas en la fakto, ke la eŭropaj lingvoj uzis la malĝustan latinan ekvivalenton por "kial" anstataŭ la ekvivalenton por "tial' kiel sian vorton por la respondo al la demando. Do ke la angla *"the wherefore*" devas esti *"the therefore*", la "ĉar-frazo", la "tial" = la tialo. Cetere, se "kialo" restus la respondo, la motivo, tiam "la tialo" devus signifi la respondon al la respondo.

Jen mia klarigo. Mi uzis la anglan tradukon de ekzemploj, ĉar estas pli facila klarigi en ĝi pro la manko de alternativoj kaj de neoficialaĵoj en Esperanto.

Iom = iu kvanto
iomo = kvanto
iam = en iu tempo
iamo = iu tempo
ie = en iu loko
ieo = iu loko
iel = en iu maniero
ielo = iu maniero
ial = laŭ iu rezono, motivo
ialo = iu rezono, motivo

tiom = de tiu kvanto
la tiomo = tiu kvanto
tiam = en tiu tempo
la tiamo = tiu tempo
tie = en tiu loko
la tieo = tiu loko
tiel = en tiu maniero
la tielo = tiu maniero
tial = laŭ tiu motivo
la tialo = tiu motivo (*that reason*)

kiom = en kiu kvanto
la kiomo = kiu kvanto?
kiam = en kiu tempo (*when*)
la kiamo = kiu tempo?
kie = en kiu loko (*where*)
la kieo = kiu loko?
kiel = en kiu maniero
la kielo = kiu maniero?
kial = laŭ kiu motivo (why)
la kialo = kiu motivo? (*which reason?)*

Do "la kialo" = la demando pri la motivo (*the whichness of the reason).*
Do "la tialo" = la motivo mem, la rezono (*the reason itself*),(*the to* "la kialo*" answered motive).*

*Marcel Leereveld*.





## La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm ĝis 12 tagmezo, Bavarian Beer Café, Manly Wharf . Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.





La 7a de septembro estis la unua sabato. Venis Roger, Michael, Ian kaj John. *Roger Springer*



## Korespondado.

Saluton,

Mi nomiĝas Ivan kaj ŝatus korespondi kun alilandaj geesperantistoj. Mi estas 45-jaraĝa, itala, laboras en kultura instituto kaj studemas historion, filozofion kaj lingvojn antikvajn kaj modernajn, inkluzive de planlingvoj.

Amike, Ivan Orsini Fejsbuko: Ivan Orsini Tvitero: ivarpas ivarpas@yahoo.it



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***